44 Num. Madrido - Novembro - Decembro - 1920 IV Jaro.




ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO EMILIO GASTÓN
Advokato, sperta kaj entuziasma Esperantisto de Zaragozo.
Li plenumis gravajn Postenojn en nia Esperanta Movado kaj plenumos ĉar baldaŭ li estos Prezidanto de la tuj starigota Iberia Konfederacio de Esperantistoj.
Li direktis laboron por gastigi hungar-aŭstriajn infanojn

# KLARIGOJ AL MIAJ SUBTENANTOJ

Kiam mi aperis, mi promesis ĉiu-monate ok paĝojn dum prospereco permesos pligrandigi duoble la tekston; ĉi tio okazis tuj, la dua numero duobliĝis. Ju pli la tempo pasis, des pli grandaj aperis malfacilaĵoj por ml, tamen mi iliu venkis; sed la malfacilaĵoj daŭras, ĉar ankoraŭ mi ne atingis sufiĉan nombrou da subtenantoj, kaj ne nur daŭras malfacilaĵoj, eĉ ĉi tiuj graviĝis kaj graviĝas, kaj tial mi eldonis du-monatajn numeroju anstataŭ monatajn okpaĝajn numerojn. Eble miaj samnacianoj ne atentis sufiĉe pri la matfacilaĵoj, kaj miris pro la du-monataj numeroj, sed ateutu kaj pripensu bone legante PRI HISPANA ESPERANTISTO, kaj certe ke vi komprenos laboron faritan de mi.

Mi esperas, ke 1921.a jaro estos por mi pli sukcesa, ol 1920.a, ĉar Esperanto revekiĝis forte en nia nacio, same kiel en ceteraj nacioj, kaj mi supozas, ke ĉiuj nunaj subtenantoj penados varbi novajn por ke mi povu alproksimiĝi al mia tuta celo: mi esperas, ke la opiniaro de niaj Akademianoj vidigos al vi la neceson helpi min, kaj la plej efika helpo estas aboni min kaj varbi abonantojn, kaj, samtempe, senĉese laboradi kaj celi memperfektiĝo.

Ateutinde estas, ke ĉiuj komprenu: se kotizaĵoj estus pagttaj, kiel oni petis, dum komenco de la jaro, kaj ne iom post iom, malfacilaĵo pro papero ne estus okazinta; tial, saman rimarkon ni faras kaj esperas ke ĉiuj reabonos tuj.

---

# Pri HISPANA ESPERANTISTO

Laŭ peto de la Prezidanto de la Esperanta Akademio ni sendis **Hispanan Esperantiston**, plenan kolekton, al Akademianoj kaj petis al ili opinion sinceran, ĉar tiamaniere, per kono de niaj eraroj kaj konsiloj de ili, ni povos iom plibonigi nian gazeton kun plej bona rezultato por nia sankta celo: Esperanto. Ni ricevis jam sufiĉajn respondojn kaj el ili ni elĉerpos ion por ke Hispanoj konu tion kion opinias pri ni, kaj por ke ni penadu korekti nian lingvouzadon.

S-ro Alfred E. Wackrill, el Anglujo: «Mi trovas vian gazeton bone presita, tre bele ilustrita kaj plena je plej interesaj artikoloj. Mi sentas, ke ĝi nepre servas en alta grado kiel propagandilo por nia komuna afero, kaj mi deziras al vi daŭrantan sukceson en viaj laboroj.

»En plej amika spirito mi devas konfesi, ke mi tamen ne ĉiam aprobas la lingvan stilon. Ŝajnas al mi, ke en tiu rilato estus dizirinde, ke vi iom pli severe koretu la manuskriptojn de viaj, cetere altŝatataj kunlaborantoj.»

S-ro J. M. Warden, ankaŭ el Anglujo: «Mi esperas baldaŭ havi tempou por tralegi la numerojn de **Hispana Esperantisto**, kaj eble poste mi povos skribi plue pri ĝi; sed dume mi diru, ke post rapida trarigardo mi opinias, ke la gazeto pro ĝia enhavo ŝajnas *tre interesa* kaj havas belan aspekton. Mi gratulas vin, ke dum tiuj malfacilaj jaroj vi povis daŭre eldonadi tien belan gazeton.»

S-ro Th. Cart, el Francujo: «Tre danke mi ricevis sur la montaro vian belan kaj bonan kolekton de **Hispana Esperantisto** Ĝin mi trarigardis kun granda plezuro kaj relegos tuj post mia baldaŭa reveno Parizon.»

S-ro E. Grosjean Maupin, el Francujo: «Mi tre sincere dankas, ke vi afable sendis al mi, laŭ deziro de S-ro Prezldanto Cart, la tutan kolekton de **Hispana Esperantisto**, kiun mi jam komencis legi kaj certe, laŭ mia kutimo, tute tralegos kun atento kaj zorgo. Vi bone komprenis, ke la Akademio povos plenumi sian taskon nur se la Esperantistaro kaj precipe la gaĉetoj helpos ĝin kaj faciligos ĝian multampleksan laboron.

»Ĉar vi bonvolas peti mian opinion, mi povas sincere certigi al vi, ke **Hispana Esperantisto** estas tre intetesa kaj tre taŭge verkita revuo pre kiu mi kore gratulas vin. La letero estas sufiĉe longa, kaj parolas pri

la pentraj instruaj artikoloj kaj fotografaĵoj, kaj aliaj aferoj, sed mi devas konstati, ke ankaŭ li kritikas iom ĉar ŝajnas al li tre naciaj iuj esprimoj kaj nesufiĉe plenaj la raportoj pri esperanta movado en alilando.»

Doktoro P. Corret, el Francujo: «Antaŭ kelka tempo trafis min via afabla Akademia sendo de la plena kolekto de **Hispana Esperantisto.** Akceptu mian sinceran dankon. Ne multaj el niaj Esperantaj gazetistoj estis tiel malavaraj kiel vi!

»Ankaŭ mian ploj koran gratulon volu akcepti pri via bonega gazeto, ne sole ĉar ĝi estas unu el la plej belaj en Esperantujo, sed precipe ĉar ĝi lastatempe montris plej sekvindan ekzemplon.»

S-ro Edmond Privat, el Svisujo: «Kortuŝate mi legis vian bonan leteron de l' 12 okt. kaj dankas vin tutkore, ne nur pro ĝi, sed ankaŭ pro la afabla sendo de **Hispana Esperantisto**, kiu estas, kun «Esperanta Finnlando» unu el la plej belaj kaj simpatiaj ilustrataj gazetoj de la Esperantistaro. Pri ĝi la Hispanaj samideanoj povas esti fieraj, ĉar ĝi konigas eksterlande la ĉefverkojn de hispana arto kaj konservas samtempe la brulantan flamon de plej fidela amo al idealo Zamenhofa.»

S-ro P. Christaller, el Germanujo: «Mi kun ĝojo ricevis kaj kun intereso legis kaj ankoraŭ legos vian revuon **Hispana Esperantisto.** La enhavo estas plej parte tre interesa por mi, kaj la bonegaj ilustraĵoj sur por ili taŭga papero gojigas min ĉiam, kiam ili montras belajn arĥitekturaĵojn aŭ pejzaĝojn al via bela lando, kiun mi ankaŭ vidis dum la Barcelona Kongreso. Do koran dankon pro la sendo farita de vi.

«Ĉar vi deziras, ke mi ankaŭ atentigu vin pri mankoj aŭ malplaĉaĵoj ĉe via revuo, mi jene plenumas vian deziron, ĉar mi juĝas, tia sincera priparolo nur povas servi por la bono de nia afero, kiam ĝi venas el koro amika.» Sekvas konsiloj por plej bone ankoraŭ aspektigi la gazeton, rimarkoj pri tro naciaj esprimomanieroj, pri poemoj kies ritmo ne estas modelaj, pri eraroj. Longa estas la letero, kaj dankinda ĉar estas vera lecionaro por plibonigi la gazeton.

Fine, mi ion diros pri la letero de nia kara Ed. Kühnl, de nia eĉ kunlaboranto, de tiu bonkorulo kiu, feliĉe por liaj samlandanoj kaj por ni, estas Konsilanto de la Ĉeĥoslovaka Konsulo en Madrido. Longega letero de frato al frato, de frato, kiu multe spertiĝis, kaj sindoneme donas sian sperton al frato; li koincidas kun S-ro Christaller pri al konsiloj por plibonigi la gazeton.

Mankas ankoraŭ aliaj opinioj, iuj el la elmontritaj ankoraŭ ampleksiĝos, sed sufiĉas por ke ni komprenu neceson pri pli granda perfektiĝo, nia deziro estu tia perfektiĝo, kaj instigu nin al ĝi la kontento, la ĝojo, kiun ni devas senti tial ke ni faris la eblon «dum tiuj malfacilaj jaroj daŭre eldonadi nian belan gazeton» per kiu ni «konservas samtempe la brulantan flamon de plej fidela amo al idealo Zamenhofa».

Jen, do, Hispanaj Samideanoj, laŭdo pri la laboro farita de ĉiuj per efika kunhelpado, ĉar kvankam la laboro ne estis tiel perfekta, kiel ni estus dezirintaj, la rezultato por la bono de Esperanto estis fruktodona. Antaŭen!

## Kelkaj detaloj pri la Monda Kongreso

### DE LA

## INTERNACIAJ ASOCIOJ

Interese estas konstati, ke en la lasta antaŭamilita kongreso de la Internaciaj Asocioj, la Idistoj faris grandan bruon. Tial pro la dueco de la internaciaj lingvoj tiam proponataj, la kongreso povis fari nenian decidon.

Tiun ĉi jaron ĉeestis nur unu Idisto, kiu, pro la bono de la internacilingva afero, *ankaŭ aliĝis al la supra deziresprimo,* tamen konservante sian privatan preferon por Ido. Kian belan ekzemplon li tiel donis al kelkaj Esperantistoj, kiuj kontraŭe ne ŝanceliĝas

publike oferi al siaj lingvaj preferoj nian necesegan unuecon!

Siafianke, itala delegito diris, ke Profesoro Peano, aŭtoro de lingvo internacia *Latino sine flexione*, komisiis lin deklari al la Kongreso, ke nur por tio li klopodas, por ke ekzistu unu lingvo internacia. Se tia lingvo estos Esperanto, tiam li forlasos sian propran lingvon kaj aliĝos al Esperanto.

Ĉeestis ankaŭ oficiale la prezidanto de la Saussure'a Akademio kun preta propono pri tria plejperfekta lingvo «por interkonsentigi Esperantistojn kaj Idiston». Konstatinte, ke la Idista bruo tute malaperis el la Kongreso, li konfesis, iom konfuzite, ke «lia misio ŝajnas al li tre kompro mitita» kaj forveturis, nenion proponinte eĉ antaŭ la fino de la Kongreso.

Tiel estis certe pli bone por li, ĉar pro malsamaj kaŭzoj nek Esperantistoj, nek Idistoj eĉ volas aŭdi pri la plejperfektajo de S-ro de Saussure, kiu, por forigi duecon, nur sukcesos eble starigi triecon!

Samtempe kun la Kongreso ankaŭ okazis en Bruselo la unua sido de la ĵusfondita «Internacia Universitato». Tie Esperanto havis, en propra katedro, diversajn lecionojn pri kaj en nia lingvo.

En Esperanto estis faritaj unu parolado pri scienca medicina temo: *Nuna stato de la terapio de l' kancero*, kaj unu alia pri teĥnika elektra demando: *Ĝeneralaj principoj kaj lastaj progresoj de la radiotelegrafio.*

Niaj kontraŭuloj ofte penas per teoriaj diskutoj kredigi, ke Esperanto ne taŭgas por scienco kaj teĥniko. Kiel ili ĉiam ĝis nun faris, la Esperantistoj respondis al teorioj perfakto. Por pruvi la movon, ili nur marŝis.

El «Franca Esperantisto».

Ĉi tiu gazeto de Aŭgusto-Septembro ankaŭ aperigas tradukon de la grava artikolo de Henri Barbusse, aperinta en «Clarté» (5 Junio 1920), per kiu la fama Franco konstatas kial la direktanta Komitato de «Clarté» respondas al la internacia Plenuma Komitato de l' Batalintoj pri akcepto de Esperanto «ke *trudiĝas la alpreno de Esperanto.* Ni plie intencas subteni tiun pozitivan vidpunkton en la internacia intelekta Kongreso, kiun ni nun preparas, kaj peti la Idistojn, ke ili rezignu apartan propagandon, kies rezultato nur povas esti senutila kaj pereiga. Ni estas konvinkitaj, ke niaj idistaj kamaradoj komprenos, kiom grava estas la decido, kiun ni devas fari en la nunaj tagoj, kiam la homaro fervore kaj senlace serĉas en unuiĝo sian savon, kaj ke ili volonte konsentos, ke plidaŭrigi tiun apartecon estus peki kontraŭ la idealo de internaciismo kaj malobei tiun superan disciplinon, kiu devas hodiaŭ gvidi ĉiujn saĝajn spiritojn.»

Kaj tial ke ni parolas pri sukcesoj de Esperanto jen aliaj: la XII.ª Internacia Kongreso úe Stenografio, okazinta en Strasburgo, en kunveno de la 12.ª de Aŭgusto lasta, oni akceptis Esperanton por estontaj kongresoj; kaj la Ĝenerala kunveno de l' Internacia Kristano, okazinta de la 21 ĝis la 29 de la pasinta Julio, en *Billhoven*, apud *Utrecht* (Holandujo), ĉeestita de 60 delegitoj, de 17 nacioj, akceptis Esperanton: «En la proksima Kunveno (Januaro, 1921) Esperanto devas esti definitive la sola lingvo en kiun estos tradukitaj la paroladoj.»



En la okcidenta germana ŝtato Hessen Esperanto apenaŭ atingis malmultajn pastianojn kvankam fervoraj kaj agemaj sed ilia fervoreco kaj agemeco nur sukcesas kiam milito ĉesas kaj la terura tutmonda katostrofo evidentigas al homoj neceson atingi reprciĝon plenan kaj ke ĉi tio nur estos atingebla per internacia helpa lingvo; kaj la sukceso de la samideanoj de Hessen estas pli rimarkinda tial ke la Instru-Ministro dekretis jene:

Darmstadt, la 6-an de sept. 1920—Hessisches Landessamt fur das Bildungstresen (Hessen-a Landa Oficejo por la Klerigaj Aferoj). Al N. L. f. de B. S. 18477.

Koncernas: Mondhelplingvon Esperanto. Al la direkcioj de la pli altaj lernejoj, la di



Unu el la du Navoj de la Kripto aŭ Primitiva Preĝejo
(San Juan de la Peña)

rektoroj de la burĝaj lernejoj kaj la distriktaj lernejaj komisioj.

La interpopola interkompreniĝado estas ɟreege malfaciligata per la diverseco de la lingvoj. La lernado de fremdaj lingvoj helpas nur al partumo de ĉiu popolo traus la ekzistantajn fendegojn kaj ankaŭ tion nur al malmultaj unuopaj nacioj. Facile lernebla, unueca mondhelplingvo male kreus baldaŭ fundon por ĝenerala kaj senpera interŝanĝo de ideoj inter ĉiuj popoloj de la tero. Nature ĝi neniam anstataŭos kaj ne celos anstataŭi la organe kreskitajn kulturlingvojn. Sed ĝi povas fariĝi kaj devas fariĝi apud ili ĝenerala, unueca helpilo por la interkompreniĝo. En la estonto la celado al neŭtrala artefarita helplingvo ricevos ĉe ĉiuj internaciaj intertraktadoj—Ligo de la Nacioj, arbitracia tribunalo, kongreso—ankoraŭ apartan signifon en la rajta batalado kontraŭ la kulture, politike kaj ekonomie malfidinda superrego de unu el ekzistantaj naturaj naciaj lingvoj. Ke la solvo de la problemo estas tre malfacila, tio ne estu nekonsentata. Nin germanojn povas kuraĝiĝi, ke neniu el nia granda Leibniz starigis al la kulturhomaro tiun grandan problemon jam antaŭ du jarcentoj. Bone pripensita kaj tre facile lernebla kiel ankaŭ tute belsona montriĝis la jam sufiĉe diskonigita Esperanto. Esperanto. Tial estas adresata al ĉiuj lernejoj de Heslando la postulo konstati, kiuj instruistoj kaj lernantoj jam estas okupiĝintaj pri Esperanto kaj seeble aranĝi pliajn provojn pri fakultativa instruado pri-esperanta ĉie, kie kvalifikaj instru-personoj memvole estas al tio kaj kie sin povas dediĉi al la lernado sen troŝarĝiĝo lernantoj kun bonaj lingvaj kapabloj. Pri la intereso eventuale ekzistanta en instruistaj rondoj kaj pri la spertoj faritaj en la pri-esperanta instruado ni atendas raportojn al la «Landesamt für das Bildungswesen» je la fino de la instrua jaro.

D-ro Strecker.

★

Kiel sekvo de l' fama eksperimento de *Eccles* (Anglujo), ju pli disvastigas saman eksperimenton, despli graviĝas konscio pri efikeco de Esperanto; tial, *novaj kursoj* en Anglaj lernejoj malfermiĝas. Sub aŭspicoj de la Eduka Komitato gvidas kursojn, en *Sheffield*, marde kaj merkrede en Woodseats Council School, instruisto S-ro Bateman; vendrede, en Central-Lernejo, instruisto S-ro E. T. Rodger.

La kurso en unu taglernejo en *Liverpool* farita kiel eksperimento ĉe la komenco de ĉi tiu jaro kontentigis tiel konvinkite la Edukadan Aŭtoritaton, ke ĝi permesis daŭrigi la kurson. La kurso estos pligrandigota dum la vintra duonjaro en la Council School, kaj por korespondadi kun la lernantoj oni sin turnu al tiu lernejo *Granton Rd., Liverpool.*



En *Saaz* (Ĉeĥoslovakujo), profesoro J. Süsser faris gravan paroladon pri Esperanto, kaj sekvo estis, ke la urba Esperanto-lernejo, malfermita la 13.an de Septembro, estas vizitata de multenombraj personoj apartenantaj al ĉiuj rondoj de la loĝantaro. Oni malfermis samtempe ses klasoj, kaj profesoro J. Süsser kaj du instruistoj klarigas Esperanton por tiuj klasoj. La intereso pri kaj por Esperanto kreskadas pro la venonta Kongreso en Praha. Ĉi tiuj kursoj finiĝos kun la jaro. Estas espereble kaj esperinda, ke same okazos en aliaj urboj tial ke la Bohema Ministro de Publika Instruado, S-ro Habrman, konsentis instruadon de Esperanto kiel fakultatan fakon en ĉiuj lernejoj por kiuj tion petos instruistoj.



En Bulgarujo, la komisiitaro, elektita de la reganta konsilantaro de la ligo de l' progimnaziaj kaj gimnaziaj instruistoj, laŭ la decido de la 14-a ordinara kongreso, ellaboris projekton por reformado de la kleriga sistemo de la nacio, kaj la instruista gazeto sur numeroj 17.a kaj 18.a de la 1.a kaj 15.a de



Kripto aŭ Primitiva Preĝejo
(San Juan de la Peña)

Majo de la kuranta jaro, publikigas la projekton, kiu ankaŭ proponas enkondukon de Esperanto kiel facultatan fakon ĉe la ĝeneralaj lernejoj (nunaj gimnazioj) kaj ĉe la unugradaj kursoj pri pedagogio por pretiĝi instruontajn la lingvon de Zamenhof en la unngradaj leanejoj.



En Litovujo, Litova Esperanto Asocio sin turnis pasintan jaron al Ministro de Publika Instruado petante enkondukon de Esperanto en la lernejoj. La ministro respondis, ke la peto estas akceptinda, sed li rimarkis mankon de instruistoj por tiu celo. Por ke tiu ĉi malfacilaĵo malaperu, instruisto, S-ro J. Maĉesnis, entreprenis apostolan pilgrimadon disvastigi Esperanton inter la instruistoj kaj de *Kaunas* (Kovno) li iris piede en Alytus'n, Mariampole'n Juberkas'n Ŝiauliai'n kaj Ukmerge'n, kaj faris paroladojn pri Esperanto kaj po 1-2 enkondukaj lecionoj por varbi instruistojn, kaj ĉi tiuj multenombre ĉeestis, konvinkiĝis pri neces› de Esperanto kaj multaj eklernis la lingvon. En urboj en kinj estis instruistoj konantaj Esperanton, dum somero, eatis eĉ *du kursoj*. Ĉi tiu propagando okazigos malaperigi la malfaciļaĵon por enkonduki Esperanton en la lernejoj.



En Estonio, Kongreso de naciaj instruistoj, okazinta la 13.an de Junio lasta, akceptis proponon de instruistino neesperantista, F-ino Volge, por fari deviga la instruado de Esperanto en la popolaj lernejoj. Speciala Komitato studas la aferon kun simpatio.



En Rumanujo, la Transilvania kaj Banata landa socialdemokrata partio en landa Kongreso oficiale akceptis Esperanton.



Ju pli la homoj tuŝas la sekvojn de la pasinta tutmonda hombuĉado, des pli konscias, ke por eviti saman estontan krimon estas nepre necese alpreni Esperanton, kaj ni, la Hispanoj devas aktivigi pli kaj pli nian propagandon kaj celi varbi al nia laboro la naciajn geinstruistojn. Tre profitdona estos laboro de samideanoj tradukante al nia nacia lingvo la novaĵojn samajn kiajn ni antaŭe priskribas, kaj publikigi ilin en la urbaj ĵurnaloj, semajnaj gazetoj, k. t. p.

---

## La 250-jara datreveno de la morto

DE

# COMENIUS

La 15-an de novembro 1920 rememoris la ĉekoslovaka nacio la morton de Jan Amos Komensky (en latina lingvo Comenius, laŭ la urbo Komna, kie li naskiĝis en la jaro 1592), la lasta episkopo de la «Unuiĝo de bohemaj fratoj» kaj fama fondinto de la modernaj pedagogio kaj didaktiko. En li oni gloriĝas unu el la plej eminentaj ĉekaj spiritoj kaj ankaŭ unu el la plej grandaj spiritoj universalaj, ĉar lia verko alportis profiton ne sole al lia nacio, sed ankaŭ al la tuta homaro. En Komensky evidentiĝas en la plej alta grado la tipa karaktero de la bohema animo de lia tempo: humanismo kaj universaleco. Nia epoko, kies idealo estos la egala justeco por ĉiuj, forigo de militoj kaj de militarismo, estas kapabla percepti kaj valortaksi la verkon de la granda bohema filozofo. Li volis, ke la nacio kaj la ŝtato, same kiel iliaj reciprokaj rilatoj, havu bazon pure moralan. Kiam en la jaro 1667 Anglujo kaj Nederlando traktis pri la paco en Breda, Komensky sendis al la delegitoj de ambaŭ ŝtatoj sian verkon «Angelus pacis» (Anĝelo de la paco), per kiu li volis altiri la atenton de la eŭropaj diplomatoj je siaj ideoj rilate la reformon de la internacia situacio per paca solvo de la intergentaj konfliktoj.

Li tiutempe jus finverkis la unuan kaj duan volumojn de sia verko «De rerum

humanorum emendatione consultatio catholica» (Ĝeneralaj konsiloj rilate la reformon de la homaj aferoj). En ĝi li adresis al scienculoj kaj diplomatoj la jenajn vortojn: «Venu ĉiuj, vi, kiuj zorgas pri via bonfarto kaj pri tiu de la homaro! Vi, kiuj timas Dion, de kia ajn nacio, lingvo aŭ religio vi estas, vi, kiuj plorbedaŭras la homajn erarrojn, venu ĉiuj kaj ni unuiĝos forjetonte ĉion, kio nin disigas. Ni faru inter ni la sanktan promeson, ke ni havas nur unu celan: la bonfarton de la homaro; ni plenumu la verkon de Dio, ni agu sen intrigoj, sen bruo, sen sofismoj kaj modere, por nin liberigi de ĉiuj egoismaj impulsoj.»

En la verko «Unum necessarium», kiu estas lia kanto de cigno, li kondamnas la militon, juĝante ĝin afero besta. Jam en tiu epoko li volis vidi internacian tribunalon, kies starigo okupas nun la Societon de la Nacioj; li deziris vidi, ke harmonio regas inter la homoj.

Je tiu ĉi alteco de humanismo li leviĝis en horo, kiam lia koro estis fendita pro la perdo de patrujo, el kiu lin forpelis fremdula perforto, kiu samtempe ĝin senigis de nacia kaj intelekta sendependeco.

La saman altecon atingis la «vekantoj» de la nacio ĉekoslovaka, kiuj en komenco de la XIX jarcento realprenis la humanismajn ideojn de la «bohemaj fratoj», precipe la poeto Kollár kaj historiisto Palacky. Samalten leviĝis la unua prezidanto de la liberigita respubliko ĉekoslovaka, Masaryk, kiu pruvis sur bazo scienca la interrilaton de la nacia ĉekoslovaka renesanco kun la homa karaktero de la ĉeka Reformacio, kaj kiu en siaj politikaj studoj ĉerpis inspiron en la idealo humanisma por gvidi la nacian lukton. Estas cetere tiom da analogio inter Masaryk kaj Komensky, ke oni ofte nomas lin «Komensky de la moderna epoco».

Kvankam penetrita de amo al la tuta homaro, Komensky estis fervora ĉeka patrioto. Elpelita, li laboris senlace por sia patrujo kaj kontraŭ la Habsburgoj, kiuj sufokis ĝian sendependecon por fondi sur ĝiaj ruinoj sian regadon.

Kaj kiel li laboris por havigi amikojn al patrujo! Li sin fordonis al la fremdaj nacioj fondante kaj perfektigante ilian sistemon de instruado skribante por ili mirindaj verkojn sciencajn, kontenta de ilia dankemo, kiu falis sur lian patrujon.

Jen propagando la plej nobla. Sed li iris pli malproksimen: li klopodis konvinki direkte la eŭropajn diplomatojn en intereso de la eŭropa ekvilibro, pri la bezono, protekti la sendependecon de la ĉeka nacio. Oni ne povas legi sen emocio lian leteron adresitan al Oxenstiern antaŭ la subskribo de la paco de Westfalio. Ho ve! Malgraŭ ĉiuj liaj klopodoj la liberiga laboro renkontis frakason. La tiama Eŭropo konsideris la aferon de la elmigrintaj Ĉekoj sole kiel demandon religian, ne komprenante ĝian grandan politikan signifon; ĝi oferis la nacion kaj la sendependecon ĉekajn.

Tiutempe, kvankam la okazo estis bona por malbeni, li skribis sian «Testamenton de la mortanta Unuiĝo» eble la plej belan preĝon al patrujo, kiu iam ajn estis skribita, plenan je sentoj de kompato kaj amo. En tiu ĉi verko li esprimis sian firman konvinkon, ke venos tempo, kiam la ĉekoslovaka nacio refariĝos estro de siaj destinoj.

Komensky estis prava.

Presidanto Masaryk reprenis lian verkon kaj helpata de Eŭropo, li havis sukceson tie, kie la klopodoj de Komensky ne povis atingi rezultaton.

La ĉekoslovaka nacio gardos eterne pian rememoron je Komensky sia granda kaj nobla filo. Libera, je sojlo de nova vivo, ĝi restos fidela al ideoj de homano, demokratio, justeco kaj paco, kies apostolo li fariĝis antaŭ 250 jaroj.



Komensky estas aŭtoro de multenombraj verkoj didaktikaj; estu notitaj krom liaj gramatikoj kaj leksikono almenaŭ: Labirinto de la mondo kaj paradizo de la koro; Didactica magna; Janua linguarum reserata; Prodromus pansophiae; Orbis pictus (bildoj

kun kelklingvaj tekstoj); Via lucis. Inter ili precipe la lasta verko (La vojo de lumo eldonita en la jaro 1641 devas interesi la Esperantistojn, ĉar en ĝia XIX ĉapitro la aŭtoro aludas detale la fundamentajn principojn de la lingvo internacia, kies bezonon kaj kreeblecon li pruvas kaj defendas per jenaj vortoj:

«Estos eble neniu, kiu dubus, ke oni povas krei lingvon novan. Se tamen tiu ideo ĉe iu naskiĝus, mi respondos, ke tio estas ebla. Ĉar se ĝis nun Adamo, scienculoj, metiistoj kaj homoj ĝenerale povis doni specialajn nomojn al objektoj, kial ne ankaŭ vortojn, partikulojn kaj ceterajn konvenaĵojn, kiuj al la tuta afero apartenas? Kaj se tiom da lingvoj fariĝis pro sola mikso, kial ne povus esti kreita unu sur la bazo de interkonsilo, racio kaj denova korekto pura kaj arta? —Ĉar pli facila estas ke ĉiuj ellernu unu aferon ol unu homo ĉiujn... —Ĉiel devos do la scienculoj pensi pri maniero, laŭ kiu ili men facile ellernus lingvojn iujn-ajn, aŭ unu ian lingvon kreus, per kiu ili reciproke parolus kaj ĉiajn popolojn (eĉ senkulturajn), facile pri ĝi instruus. —Sed nepre estas pli sekvinda tiu vojo, ke iu lingvo komuna por la tuta mondo estu kreita. —Via klopodo (el letero al Hartlib) pri skribo komuna por ĉiuj nacioj kaj lingvoj multe min ekinteresis, kvankam mi ne tiom de ĝi atendas, kiom mi dezirus. Milfoje pli bone estus havi lingvon novan, komplete racian.»

Laŭ tiuj kelkaj ideoj la leganto trovas, ke Komensky ne estis nur eminentulo da kiaj vivis kaj vivas centoj en la mondo, sed ke li efektive estis korifeo de sia epoko.

Ni vidu en li laŭmerite samideanon, kiu estis preparanta nian vojon!

*E. X.*—Praha.

---

# ELVIRA

Oni diras, ke knabino,
kiun amas mi tutkore,
kaj instruas ĉiuhore,
estas Difilamatino;
kaj virtega belulino;
la bonec' de ŝia koro
estas ja Dia trezoro,
kaj ĉiela harmonio,
pli ravanta ol lilio,
kaj brilanta plí, ol l' oro.



Vi *Elvira* portas nomon,
reva, mira, laŭdeginda,
parfumhava, kaj aminda,
ĉarmeganta ĉiun homon,
ĉar disverŝas ĝi aromon;
gardu vian senkulpecon,
amu ĝin pli, ol belecon,
ĉar se vi restados pia,
al vi donos graco Dia
feliĉegan eternecon.



Estos vi instruantino
plena je vera spriteco,
je konado, kaj saĝeco,
se vi estos klerulino,
ho plej sorĉa junulino!;
sed, se vi volas sciencon,
amu puran konsciencon,
penu pensi pri ĉielo,
kaj vi brilos kiel stelo,
Di' adante rekompencon.



Viglu, preĝu, kaj laboru,
estu virta kaj piema,
amplenkora, kompatema,
dipatrinon vi honoru,
Sankt Jozefon ĉian gloru:
ĉar, se vi, ho karuiino,
estus lerta lernantino,
kaj per tuta via forto
fidus je la mia vorto,
mi vin helpos ĝis la fino.

*Pastro Mariano Mojado*



## El Letero de Grandanima Patrino

En mia Regimento estas Kapitano, kiun mi multe estimas; frato lia dejoris en Maroko, leŭtenanto en indiĝena korpuso, vundita du fojojn dum kvin tagoj, lastan fojon tre grave. La patro, Kolonulo, sciis plene la okazintaĵon; la patrino scietis nur, kaj tial, por koni tutan veron, ŝi sin turnas al la Kapitano, al la tre amata filo. Jen paragrafoj de ŝia letero:

«Neniam patrino estis trompata de sia koro mem, filo de mia animo!, kaj ĉi tiun fojon ĝi anuncadis al mi, ke io malbona estos okazonta al unu el vi ne-sciante en kiun estos falonta la malbonaĵo tial ke ne estas prefero por unu aŭ alia filo; tial ke ĉiujn patrino amas plenkorege, kaj tial ke por ĉiuj estas samaj priokupiĝoj. Malbonaĵo falis en Rafaelĉjon, filo de mia koro! Ci ne povos *imagi* kiajn maldolĉegajn momentojn, mian doloron, kiam cia patro *sciigis* al mi la novaĵon. Por patrino, sablero ŝajnas kvazaŭ netransirebla monto kiam koncernas malbonaĵon okazinta al amata filo. Mi kredis mian filĉjon mortinta, kaptita..., ke ĉio terura estis al li!; ĉiajn frenezaĵojn, kiujn povas forĝi malsana cerbo, mi konjektis dum la unuaj angoraj momentoj, malfeliĉulĉjo! Tie, sola, inter tiuj sovaĝuloj, kiuj eĉ nek homvizaĝojn havas, sen zorgojn, sen amo, kiel terura por li la tempo de kiam li falis vundita de tiuj barbaroj, kiujn Dio punegu, ĝis kiam li sin vidis en trankvila flegejo! Mi estas trankvila, sed mi faris grandajn klopodojn por konservi mian memregadon, ĉar *mi min sentis trenita ungogratician patron* kiam li estis diranta al mi, ke la okazintaĵo estas honoro kaj gloro, kaj mi ne scias kiom da aĵoj pli, verŝi la propran sangon por la Patrujo. Por mi ne estas aliaj gloro, nek honoro, nek io ajn pli, ol mia filĉjo vundita, eble ekmortanta kaj suferanta malproksime de lia patrino. Patrujo!, jes; «Patrujo» estas tre bela parolo, ankaŭ oni kvalifikas ĝin patrino; sed kia patrino valorigas pli la sangon kaj vivon de filo?; kaj la sango de mis filo estas mia gloro, mia honoro kaj mia vivo, ĉar tiu sango estas mia, estas la mia mem, kaj mi estas tre egoista je ĝi, ĉar mi volas por mi eĉ la lastan guton.»

«La lastaj novaĵoj estas trankviligaj, sed mi ne fidas ĝis kiam li estos resaniĝanta apud mi· Cia patro estas ĝojoplena, same kiel se oni estus doninta al li nobelan titolon aŭ estus nonimta lin Militministro, eble li estas prava: ke estu pli saĝa dancadi je ĝojo pro vundo tia. Ho la viroj!»

Jen tio, kion sentas patrino, ŝi sentas kiel Esperantistino kaj kiel Esperantisto, kiuj kvankam amas Patrujon, ĉi tiu amo postulas respekton kaj amon al ceteraj Patrujoj; ke ni ĉiuj konsideru same, kiel la patrino esprimas al amata filo, kaj edifu nin por senĉese laboradi malaperigi samajn okazintaĵojn,;kiajn bedaŭras ŝi.

*J. M. R.*

---

## ŜI.......!

Malsorta fraŭlino! Ŝi naskiĝis meze la plej granda kaj teruriganta mizero. Ŝia patro, estis la vera tipo de la homo brutigita kaj degenerita de la alkoholo; malboninstinkta kaj senkonscia. La patrino, malfeliĉulino! Kies vivado nur estis longe daŭra suferado senfina, iom post iom perdadis la fizikajn fortojn, malgraŭ siaj klopodoj por vivi, nur por sia amata filino, sia sola konsolo, kiun ŝi amis freneze; kiel scias ami la patrinoj. Fine ribeliĝis kontraŭ edza tiraneco, rompis la sklavecon kaj atingis la tiel sopiratan liberecon, kun la nomo de sia kara filino buŝen, ŝi... mortis.

Ĉagrene ŝi ploris pro la perdo de sia amata patrino, tial ke ŝi restis sola en la mondo.

Ian malhelan nokton, nokton malvarman kaj silentan, ŝi sonĝis al sia neforgesebla patrino, kiu kvazaŭ gardanĝelo revenis ŝin vigli kaj akompani meze ŝia malgaja soleco. Feliĉe ŝi ridetis pro la beleco de ŝia son-

ĝo, kvazaŭ ĝi estus realajo kaj ripozus sur mala lito kiam nur estis litaĉo konsistanta el pajla matraco teren. Ŝia vizaĝo estis bela kaj la hararo ŝaŭmis ora. La antaŭaj rozkoloroj anstataŭigitaj, pro la suferado, je palaj nuancoj: ŝi ŝajnis dolora virgulino.

Kiel malnova kutimo la patro iris tiun nokton tute ebria. Malojte li atentis pri sia filino, tamen tiun fojon altirita pro ŝia rideto kaj beleco atentis pli ol iam. Ĉe li aperis la bestaj instinktoj en ĝia tuta povo fortigitaj de la alkohola influo, donanta al lia vizaĝo teruran mienon; la okuloj, laŭ ŝajne, saltis el siaj okulkavajoj, la nazo eksterordinare ŝvelita forblovis kaj el la buŝo eliris tedaj ŝaŭmoj, kvazaŭ estus rabia sovaĝa besto.

Ŝi vekiĝis terurigita pro la stranga kaj ne-atendita ĉeesto de sia patro en la dormejo. Baldaŭ ŝi komprenis la kialon kaj kuraĝe sin defendis kontraŭ la patra bruteco, ungoj kaj dentoj estis ŝiaj armiloj, tamen; li estis multpli forta kaj pova kaj venkis; forta pugnobato meze la brusto ŝin ŝvenigis: ŝi nur krias: patrino!!! kaj tie, kie mortis antaŭtompe la patrino, kaj kiel solaj atestoj la soloco kaj la mizero, sur inerta kaj sendefenda korpo kavis lokon la plej kruela kaj neinda ago....

Sekvantan tagon, grizan kaj pluvetantan tagon kvazaŭ la naturo plorus pro la antaŭtaga krimo, ŝi, senkonscia kaj terurigita, ne povante kredi pri la certeco de la nokta okazintajo, sin kredis premita je peza sonĝo, tamen ŝi povis bone kompreni ĝian efektiviĝon.

Ne plu estis eble al ŝi resti en tiu loko, la ideo ĝin forlasi okupis ŝian penson, sed, kien iri? Senfamilia, sen konata persono por peti helpon kaj ne konante la mondon!

Malgraŭ ĉio ŝi forlasis la hejmon kaj sen definita celo, kvazaŭ perdita birdo, sin jetis al la sorto tra la mondo.

Post kelkaj tagoj, tiu, kiu tiel malbonagis, la patro sin mortigis, justa elsuferado!... La tempo pasis, en grava urbo grandaj anoncoj kaj la jurnalaro propagandis la eksterordinarajn sukcesojn de dancistino, la *Funebrovestita Stelo,* tiel nomata pro ŝia moro vesti ĉiam same.

Ŝiaj danĉoj estis la publikadmiro, kaj oni premiis ŝiajn famajn laborojn per varmegaj aplaŭdadoj kaj plenigante la teatrojn kiam ŝi dancis.

Al ĉiuj ŝi ridetis dankante la simpatiajn pruvojn, dum ŝia koro ploris neviditaj larmojn, kiuj kvazaŭ akraj ponardoj eniris en ĝin.

Multaj privataj admirantoj ŝin flatis, promesante riĉajojn kaj palacojn, malgraŭ ĉio neniam ŝi amis iun el tiuj flatuloj, ĉar ŝi lernis tra sia vivado, ke ĉio estas mensogo en tiu malbenita homarsocio. Nur ŝi ekamis naivan kaj sinceran fraŭlon, ĉar li estis malsama je tiuj kiujn ŝi konis ĝis tiam; lia aga kaj pensmaniero estis io, kion ŝi neniam aŭdis nek vidis; tial lin ŝi amis.

Ravita ŝi estis, ĉar, krom ŝia patrino, neniu amis ŝin vere ĝis tiu okazo. Ili ambaŭ sin amis freneze, ĝisante feliĉajn amtempojn.

Iom post iom palaj nuancoj plenigis ŝian vizaĝon, violkoloriĝis la okulkavajoj kaj malaperis la ruĝo de ŝiaj lipoj; fortaj kaj oftaj tuskrizoj sin prezentis rabante al ŝi la vivon rapidege. Ne plu ŝi povis aŭdi la publica plaŭdadon nek flatita ŝi estis; la antaŭa admirita *Stelo* malheliĝis!

Ian belan printempmatenon, kiam la arboj ekburĝonas kaj per ĝiaj parfumoj la unuaj floroj regalas nin, kaj la birdoj kantas amojn; tagon de pura aero, blua ĉielo kaj karesanta suno, kiam ĉio invitas al la ĝuo de la vivo, en hospitala lito, blanka kiel la neĝo, post longa tusado kaj kun la sola atesto de monaĥino kaj senespera amanto, la malbenita hommalfeliĉego, la tuberkulozo, epilogigis tiun ĉi historion.




Barcelono.

★ ★ ★

# ESPERANTA MOVADO

## EKSTERLANDA

**Belgujo - GENT.**—Internacia Ekspozicio de l' Arkitekturo, de la Konstruado kaj de la aneksigitaj industrioj okazos de la 14.ª de aprilo ĝis la 16.ª de junio 1921.

La diversaj sekcioj estas la sekvantaj: 1. Arkitekturo ĝenerale.—2. Materialo kaj dokumentado.—3. Konstruado kaj aranĝado de la hejmo.—4. Malkaraj loĝejoj.—5. Higieno de la loĝejo.—6. Lumigiloj kaj varmigiloj.—7. Elektro en ĉiuj ĝiaj uzajoj.—8. Ornamantaj artoj.—9. Luksa kaj malluksa Meblaro.—10. Komforto de la hejmo.—11. Asocio de la unuigo de la urboj.—12. Plibeligado de la kampara viuo.—13. Malgranda ilaro.—14. Broŝuroj, gazetoj, revuoj kaj diversaj eldonajoj.

Lia Princa Moŝto Leopold el Belgujo bonvolis doni sian altestimatan patronecon al tiu ekspozicio.

Diversaj kongresoj okazos dum la daŭro de la ekspozicio.

La Genta Grupo Esperantista estus feliĉa, se alilandaj esperantistaj helpus la aferon, kaj por tio sin turni al S-ro H. Petian, Ĝenerala Sekretario de la «Belga Ligo Esperantista». 60, Boulevard St. Lievin, en Gent.

★

**Portugalujo - LISBOA.**—Ĵus oni fondis Esperantan Portugalan Polican Societon, kies estraro estas la jena: Prezidanto, S-ro Antonio Borges Delgado, Policestro; Sekretario, S-ro Guillermo Amado, Policisto; Kasisto, S-ro Luis da Fonseca, Subpolicestro. La Societo funkcias sub la alta patronado de Lia Moŝto la Polickomandanto. Policanoj montras la verdan stelon sur maniko. Adreso: St. Santa María, 205, 1.º.



**Germanujo - DRESDEN.**—La Germana Esperanto Asocio ĵus forsendis al la konsilantaro de GEA demandskribajon ĉu la aranĝo de samtaga propagando estis fruktoporta kaj ĉu oni deziras, ke oni daŭrigu ĝin ankaŭ dum 1921. Respondoj esprimis grandan kontentecon pro la atingitaj rezultatoj kaj tre rekamendas daŭrigi la samtagan propagandon kiel celkonscian, malmultekostan kaj efikan agadon kio montras al la grupoj praktikajn vojojn por laborado. Ni intencas, aranĝi samtagan propagandon en 1921 por jenaj fakoj: filetalistoj, instrnistoj, katolikoj, virinaj unuiĝoj, bontemplanoj, tramvojistoj, doganistoj (aliaj proponoj volonte estrs akceptotaj). La aranĝo okazu sammaniere kiel ĝis nun: La Asocio puplikigu en la asocia gazeto la programon, ĉiu grupo je la destinata tago forsendu la instigleteron kaj poste tuj sendu informojn pri rezultato al la oficejo de GEA por ke ni interŝanĝu ilin kun la aliaj landoj. Dresden, Hauptstrasse, 38.

**Munchen.**-Per la aŭtunpropagando ni povis akiri 150 novajn gelernantojn. Nia grupo serĉas fidelajn gekorespondantojn en ĉiuj landoj sub jena adreso: Konrad Déŭbler, Arcisstr, 48|II. München, Barario-Germanio «Laborista Esperantista Grupo Munĥeno».



**Italujo - MILANO.**—La itala samideanaro, kiu de post 1913 (Milano) ne povis kunveni grandare, havis sian solenan Kvinan Kon-

greson en Bologna dum la 3, 4 kaj 5 de oktobro. En tiu Kongreso estis ankaŭ oficialaj delegitoj de diversaj Ministerioj, Provincoj, Komunumoj, Autoritatoj kaj gravaj Societoj. Senatano Pini malfermis la laborkunsidojn.

Krom aliaj interesaj temoj, oni pritraktis precipe argumenton tre malnovan-same kiel en la Haga Kongreso-nome: organizado.

Post longa kaj fervora diskutado oni decidis, «ke la tuta itala esperantistaro batalađu kune sub unu flago, t. e. estu organizata en la F. E. I. (kiu ekzistas jam de post 1910)! ke oni akceptu la paoponojn do Prof. Alessio (pri starigo de Centra Oficejo), de S-ro Toschi (pri organizado), de S-ro Mandelli (pri propagando); ke la sidejo de la Centra Komitato estu Milano; kaj oni elektis membroj de la Centra Komitato Doktoron *A. Filippelli*, Libroteniston *A. Mandelli* kaj Doktoron *P. C. Monti* kun jenaj taskoj: modifi la regularon de la F. E. I. kaj fari aldonojn necesajn; organizi la italan samideanaron; eldoni unu monatan (se eble duonmonatan) oficialan gazeton; starigi Centra Oficejon de Esperanto; fari laŭ la disponotaj monrimedoj plej efikan propagandon por disvastigi nian lingvon kaj la internan ideon de esperantismo.

Adreso: Via Spiga, 29, Milano (Italujo). Je la sama adreso oni starigos plej baldaŭ Esperanto-Oficejon kun jenaj taskoj:

INFORMADO pri esperanta movado en Italando kaj Kolonioj.

VENDADO de propagandaj kaj lernaj libroj, i. p., glusignoj, reklamiloj, esperantistaj insignoj, k. t. p.

PERADO de jarkotizoj al F. E. I. kaj al UEA, kaj de abonoj aŭ reklamoj al la plej gravaj gazetoj esperantistaj.

KOMERCA korespondado kaj informado per la helpo de esperantaj komercoficejoj kaj delegitoj de UEA.

ESPERANTA ENTREPRENO. Oficejo de Esperantista Itala Federacio.



**Japanujo - TOKIO.**—Dum la 1.ª, 2.ª kaj 3.ª de Oktobro okazis la VII Kongreso de Japanaj Esperantistoj: unuan tagon okazis la ĝenerala kunveno kaj komuna vespermanĝo; duan, propaganda vespero de publikaj parolanoj kun granda sukceso; trian, ekskurso kaj amuzajoj,



**Francujo.** -La Estra Komitato de l' Internacio de l' Eksbatalantoj, kies ĝeneralo sekretario estas la fama Henry Barbusse, kaj kiu fervore lernas Esperanton, entuziasme laboradas por ke pli ol unu miliono da eks-soldatoj Francaj, Germanaj, Anglaj, Belgaj, k. c., k. c., formantaj la Asocion, uzadu Esperanton, por kio ĝi klopodas starigi kursojn en ĉiuj urboj, kaj sukcesis trafi por Esperanto lokon sur socialistaj gazetoj.



**Rusujo.**—Dank' al helpo de la Regno rapide disvastiĝas Esperanto. En Kronstadt multenombraj personoj lernas la lingvon. En Siberio eĉ estas esperantista ruĝa regimente. Saratovaj Esperantistoj (Saratov-Birĵa poŝtkesto n.° 48) eldonadis «Deklaracion», kium disvastigis per propagandfolioj, kaj ili celas disvastigi per Esperantaj broŝuroj ĉion koncernantan triumfon de la laboristaro.



**Polujo.**—La Lodza Esp. Societo aktive propagandas Esperanton: havas «Zamenhofa-Biblioteko'n» konsistanta el 800 libroj proksimume; konstante agadas per ekspozicioj, ekskursoj, paroladoj k. c. La urba konsilantaro senpage destinis la societejon, kaj la urbestraro nomis straton «Zamenhof». Ekzistas ankaŭ «Pola Esp. Oficejo» por doni konstante informojn pri ĉio koncernanta la lingvon. La ĵurnalo *Nene Lodzer Zeitung*, ĉiu-dimanĉe, aperigas artikolon pri Esperanto de S-ro Oskar Berman (str. Poludniowa, 13. *Lodz.*) kaj raportadas pri tutmonda esp. movado en aliaj lokaj gazetoj.



**Austrujo.**—Helpo de Esperantistoj al Austriaj samideanoj kaj infanoj efike egas interesi Austrianojn pri Esperanto kaj tial nia lingvo progresas.

En *Graz* jam antaŭ la milito ekzistis simila institucio, kiu tamen pro la milito ĉesis. La Mondjunularo Katolika volas denove komenci la laboron kaj petas tial ĉiujn katolikajn gejunulojn korespondemajn, sciigi al ĝi adresojn. Por detalaj informoj oni turnu sin al la centrejo, Graz, Austrujo, Karmeliterpl, 5 Bonvolu aldonî internacian respondkuponon.



ĤINUJO.—En *Ŝanhaj* jus kunvenis Ĥinaj Esperantistoj por veki la movadon en la Respubliko kaj ili decidis krei esperantistan centron por kunigi la samideanojn kaj efike antaŭeniĝi Esperanton, kaj fondi Esperantan monatan gazeton kunligantan disĉiplojn de Zamenhof.



---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

Hispana Esperantisto

Kotizaĵo subtenanta ĝin: Hispanoj, *kvar pesetojn;* Fremduloj, *ses pesetojn.* Kiam eble subtenantoj ricevos senpage eldonotaĵojn, aŭ kun grandega rabato. Estas kolektoj 1917-18-19-20.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al *S-ro Julio Mangada Rosenörn, Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19, Jaca (Huesca) Hispanujo.*



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid